INTERNACIA ĴURNALISTO n-ro 1/93
organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Nova jaro, nova vizaĝo

## Aktiva estraro bezonas aktivan membraron

Tiu ĉi unua numero de INTERNACIA ĴURNALISTO 1993 estas plurkiale iom nekutima (almenaŭ por tiuj, kiuj jam estis membroj en antaŭaj jaroj). Kiel vi tuj konstatas, ni iom modifis la aspekton de l' frontpaĝo kaj por titoloj elektis alian litertipon. Tiu ĉi dua ŝanĝo havas precipe teknikan kialon; la nova skribo por titoloj estas pli konvena, eble ankaŭ iom pli plaĉa.

Plej grave: ni ŝanĝis la kapon de nia revuo, reduktante ĝin iom; la malnova, kiun pro tradicio ni tenis dum la pasinta jaro, estis tro bombasta por tiel modesta gazeto, la simbolo de TEĴA - inkoplumo kun Esperanto-stelo - eksmodiĝinta. La tradicia kutimo, havi fotojn sur la frontpaĝo, kondukis ofte al nekontentigaj solvoj. Estonte do vi trovos ĉi-loke ĉefartikolon, grafikaĵon k. s. Tiel ni gajnis kroman spacon por tekstoj.
Ni esperas, ke vi kontentos pri ĉi tiuj modifoj.

Sed nekutima estas ĉi tiu IĴ-numero precipe pro la enhavo: grandan parton de l' kajero okupas nia membrolisto, aranĝita tiel ke vi povas forpreni kaj aparte konservi (kaj uzi) ĝin. Kaj per tio ni venas al la aktivaĵoj de via estraro. Jen kion ĝi jam realigis:

- Ni kompilis provizoran eldonon de **Membrolisto**, kiu estu grava parto de estonta **jarlibreto** de TEĴA. Ĉar mankas mono, ni decidis aperigi ĝin unue en la revuo mem. Detalojn legu sur la internaj paĝoj.

- Preta estas ankaŭ jam unua eldono de **TEĴA prezentas sin**, informkajereto destinita por varbi novajn membrojn. Ankaŭ pri ĝi vi povas legi en ĉi tiu numero de IĴ.

- Nova **membrokarto** estas nun presata kaj baldaŭ disponeblos; ĝi havos ne nur - kiel la malnova - simbolan valoron, sed praktikan.

- En kunlaboro kun UEA kaj kelkaj TEĴA-membroj estiĝis **Konsilaro por gazetara servo kaj kongresa kuriero de UK**; legu ankaŭ pri ĝi en ĉi tiu numero.

**Kaj kiel aktivas la membroj de TEĴA, kiel aktivas vi?**
Pluraj membroj nun preparas nacilingvajn versiojn de *Dosiero por Ĵurnalistoj*, kelkaj - malmultaj - aliaj sendis artikolojn kaj leterojn. Sed vere mankas bona materialo por IĴ. Ĉu ni ne ĉiuj estas ĵurnalistoj, do emas verki artikolojn? Sed kial nur tre malmultaj membroj verkas artikolojn por IĴ, kie restas la tekstoj de l' aliaj? Ĉu ne estus hontinde, se ĝuste fakasocio de ĵurnalistoj havus problemojn plenigi la paĝojn de sia organo? Ni do atendas viajn kontribuaĵojn.
Stefan MAUL

en ĉi tiu numero: LISTO DE ĈIUJ TEĴA-MEMBROJ

## ENHAVO

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de
TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)
Aperas 4foje dum jaro.
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio , tel./telefakso (49) 821 / 520385
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

Vicprezidantoj: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Stepinĉevo 21, HR-58000 Split, Kroatio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIA KOMISIONO
István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVÁSI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

## OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

**Pago de kotizo:** laŭ la reglamento, ĉiu membro devas pagi la kotizon por koncerna jaro ĝis plej malfrue la fino de januaro; pro dujara nepagado oni povas perdi membrecon. Do, ĉu vi jam pagis por 1993? (Tio kompreneble ne validas por tiuj, kiuj estas en kategorio de senpaga membreco.)

**Membrokarto:** Tuj, kiam la novaj membrokartoj estos presitaj, ni sendos la novan legitimilon al ĉiu, kiu sur la aliĝilo notis tiun ĉi deziron kaj pagis sian kotizon por 1993. Se vi ne notis tion kaj tamen nun volas havi membrokarton, petu ĝin ĉe la kasisto.

## Albanaj problemoj kaj ebla solvo...

Albana Esperanto-Ligo sciigas, ke „pro la hodiaŭaj kondiĉoj en nia lando (manko de prespapero, de financaj rimedoj, drasta altiĝo de poŝttarifoj ktp.)" ne eblas daŭrigi eldonadon de *Albana Esperantisto*.

Oni demandas sin, ĉu ne eblas iamaniere solvi ĉi tiujn problemojn. Prespapero abundas en aliaj landoj, kaj ankaŭ ekspedi oni devas la revuon ne nepre en Albanio, same ne tie enkasigi abonkotizojn. La albanaj esperantistoj devus nur liveri manuskriptojn kaj materialon - kaj tion ili ja kapablas fari.
Do, kiu eldonejo aŭ E-organizaĵo povus transpreni la teknikan kaj financan taskojn por *Albana Esperantisto*? Ĉu eble eĉ TEĴA mem?
Stefan MAUL

## Belartaj Konkursoj

La plej prestiĝa konkurso de l' Esperanto-movado, Belartaj Konkursoj de UEA, en 1993 aparte alvokas muzikemajn esperantistojn. Por TEĴA-membroj tamen, probable, pli interesaj estas la branĉoj *Eseo, Fotografio* kaj *Vidbendo* de l' konkurso; tiuj ĉi branĉoj, cetere, estu ligitaj kun Esperanto aŭ la temo de la 78a UK en Valencio: „Klerigo por la 21-a jarcento". Detala regularo estas havebla kontraŭ unu respondkupono ĉe *Belartaj Konkursoj de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.*

## 20 paĝoj - nur escepte...

Tiu ĉi numero de INTERNACIA ĴURNALISTO havas esceptokaze 20 anstataŭ la kutimajn 16 paĝojn. Tion necesigas la aperigo de l' membrolisto kiel parto de la revuo, ĉar alimaniere ne eblus publikigi la plej aktualajn artikolojn kaj la enhavo estus iom tro modesta. Do temas pri kompromiso laŭ la fama Esperanto-formulo de *neceso kaj sufiĉo.*
Tiu ĉi averto detenu vin de eventuala (erara) espero, ke ankaŭ estonte nia revuo havos 20 paĝojn. En n-ro 2/93 ni revenos al 16 paĝoj.
Bedaŭrinde...
red.

**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

**Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉek-oficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi tian ĉekon. La valuto devas esti la **belga franko** (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi **via bankkartnumero**;
- Posedantoj de VISA-, MASTERCARD-, EUROCARD- aŭ ACCESS-kreditkarto simple sciigu per subskribita karto sian numeron kaj validodaton;




- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo estas fela-x;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la **usona dolaro** (USD).

Nur se vi ne povas pagi laŭ unu el la kvin supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi multe pli:
- Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron plus la sumon kiun fakturos via banko. Bv. informiĝi tie. Sur la ĉeko vi skribu la nomon **Flandra Esperanto-Ligo**.
- Sendu al ni internaciajn respondkuponojn. Ili validas, se ili estas nur maldekstre stampitaj. Unu respondkupono egalas al 28 BEF.

# Principe ne diferenco

## Ankoraŭfoje pri „profesiaj" kaj „amatoraj" Esperanto-ĵurnalistoj

*de YAMASAKI Seikô*

**Kio estas la amatora esperantisto-ĵurnalisto? Kia estas la diferenco disde la profesia? Tiu ĉi lasta ne gajnas sian panon per sia funkcio kiel esperantisto-ĵurnalisto - povas esti ia escepto, sed en la plimulto de la okazoj, li vivtenas sin per laboro kiel nacilingva ĵurnalisto, ĝuste kiel amatoraj esperantistoj-ĵurnalistoj per komerco aŭ peno en mana aŭ mensa laboro de plej proza speco. Ekzistas nenia diferenco inter ili.**

Tial, se iu diras ke la tasko de TEĴA estas protekti profesiajn interesojn de esperantistoj-ĵurnalistoj, tio estas sensenca, tiu funkcio apartenas al asocioj de nacilingvaj ĵurnalistoj.
Kia do estas la diferenco inter profesiaj kaj amatoraj ĵurnalistoj en la Esperanto-gazetaro? La novaĵoj aperantaj en, ekzemple, MONATO ne estas en pli multaj okazoj unuamanaj, ne eltiritaj rekte de informofontoj. Ili estas duamanaj, cititaj el aliaj primaraj fontoj. Kia estas do la kialo de esto de tiaj artikoloj? Ĝi certe ne estas en la freŝeco aŭ aŭtentikeco de informoj.

**La tipa artikolo**

Sin trovas ne malmultaj artikoloj en Esperanto-ĵurnalismo, kiuj ne estas alio ol traduko de artikoloj en nacilingvaj periodaĵoj, sed, escepte de ili, MONATO estas interesa tial ke kunlaborantoj citas ja la jam publikigitajn informojn, sed krome klarigas la profunde troviĝantajn faktorojn sub la supraĵo, interpretas la implicon aŭ, el mallonga novaĵo paĝangule enŝovita en nacilingva ĵurnalo, apenaŭ rimarkita de averaĝaj legantoj, disvolvas plenan historieton kiu akre montras la tendencon de la tempoj. Tion faras semajnaj novaĵgazetoj kiel *Time, Der Spiegel* aŭ *Express*, kiuj ne povas konkurenci kun tagaj ĵurnaloj aŭ radio kaj televido en rapida raportado.

Tion povas fari amatoroj en Esperanto-ĵurnalismo. Povas okazi ke profesiulo publikigas unuamanan informon en Esperanto-gazeto, sed via korespondanto tion tre dubas. Unue, sin ne trovas rimedo por ĝin publikigi, ne ekzistas taga ĵurnalo en Esperantujo. Due, li certe volus fari tion en nacilingva publikigaĵo por igi ĝin valori por sia kariero, tio estas nur tro natura.

**Ekzemple intervjuo**

Profesiaj raportistoj ne esprimas sian opinion sed lasas paroli aliajn per serio da intervjuoj, kion amatoroj apenaŭ povas fari. Tiuj ĉi, krom tiuj amatoroj kies artikoloj estas puraj opinioj, devas provi aliajn rimedojn por tion fari.
Aperas ja intervjuoj de temp' al tempo en Esperanto-ĵurnalismo. Dum amatoroj ne povas akiri ŝancon fari tion se la intervjuoto estas eminentulo neesperantista, profesiuloj povas, sed ili povas kun post si la aŭreolo de la agentejo aŭ periodaĵo, kiun ili reprezentas, kaj ne povus tiel akiritan intervjuon utiligi por publikigo en Esperanto-gazetaro; lia agentejo ne permesus ĝin, lia esperantisteco apartenas al lia privata vivo, por kiu uzi la prestiĝon de lia dunganto estus neetike. Tial la sola ŝanco estus tiam kiam li havas akcepton ĉe eminentuloj per sia persona statuso. Tiaj sendependaj ĵurnalistoj estus malmultaj ie ajn en la mondo, limigitaj al iuj kun la renomo tia kian havis ekzemple *Hanson Salisbury* aŭ *Edgar Snow*. Via korespondanto ne pensas ke tiaj troviĝas inter esperantistaj profesiaj ĵurnalistoj.

**Subjektivaj kriterioj**

Tial oni konkludas ke tiuj ĉi ne estas en supera pozicio kompare kun amatoroj escepte de sia fakuleco en skribtekniko. Dependas de subjektivaj kriterioj, kaj oni ne scias kiuj estas profesiuloj kaj kiuj ne, sed ŝajnas ke memorindaj artikoloj estis plej ofte de amatoroj, kiel ekzemple *Marjorie Boulton*, granda poeto sed neprofesiulo kiel „ĵurnalisto".
Antaŭ ĉio, profesiuloj ordinare ne kunlaboras al Esperanto-periodaĵoj. Skribado estas ilia metio, ĉiu linio kiun ili skribas produktas monon, kial malŝpari tempon por tio kio estas kvazaŭ filantropio? Kiam mi diras „profesiuloj", tio ne inkluzivas fakulojn en iu scienco skribantajn en Esperanto-gazetoj; en tiaj okazoj ili ne kunlaboras kiel fakuloj, kion ili faras por siaj fakaj periodaĵoj en naciaj lingvoj, sed kiel amatoroj en ĵurnalismo.

**Ne eblas lukso en Esperantujo**

Via korespondanto apenaŭ scias pri Esperanto-ĵurnalismo krom MONATO; tio estas neevitebla ĉar unue li estas malriĉa kaj ne povas aboni multajn periodaĵojn kaj due Esperantujo ne kapablas multajn tiajn havi pro la mallarĝeco de la merkato. Li opinias ke ĉiuj esperantistoj devas klopodi kreskigi koncentre unu magazinon. Esperantistoj ne povas havi lukson de dispecigitaj periodaĵoj minacataj konstante de financa malsukceso. Se ili havus iom pli da rimedoj, ili pli bone povu havi SEMAJNOn, kiun *Stefan Maul* origine intencis fondi. Lia genio konsistas en tio, ke li klare vidis estontecon de sia projekto kaj persistis sola en tio. Lia prudento evidentis kiam li respondis, malgraŭ sia profesiuleco, malfavore al senvalorigoj de amatoroj en tiu ĉi gazeto. →

**Ofero postulata**

TEĴA estis inundita de novaj amatoraj membroj post kiam la bankroto de la malnova TEĴA necesigis reorganizon. Tio rezultis de tio ke *InterMONATO**, kiu cetere estis senpaga, anoncis sian ĉeson kaj la pluportadon de la torĉo fare de *Internacia Ĵurnalisto* kaj urĝis kunlaborantojn de MONATO aliĝi al TEĴA. Ŝajnas ke novvenintoj estas neenvititaj gastoj. Ili tamen kunkuris ne kun entuziasmo, des malpli se ili estus sciintaj ke ili malplaĉas al malnovaj membroj-profesiuloj.

Nun ke la aktualaĵo estas tia, oni devas fari el tio kiel eble plej bonan. Plibonigo de gazetara servo ĉe UK estas ĝuste kio apartenas al taskoj de TEĴA, kiu tamen havas nenion por fari pri la protekto de interesoj de profesiaj ĵurnalistoj; TEĴAanoj ne profitas el TEĴA, sed kontraŭe, je sia malprofito, oferas sian sperton al la intereso de Esperanto.

TREJNADO

# Klaŭno - kun serioza vizaĝo

**Antaŭ juna aŭskultantaro konsistanta el studentoj pri ĵurnalismo en Londono riveliĝis la trukoj de iu, kiu dum jaroj ridindigis la britan gazetaron.**

S-ro Rocky Ryan [Roki Rajn] prifriponas redaktorojn per fikcie fantaziaj, sed pli malpli kredeblaj historioj, tiel ke ne povas ne ekscitiĝi la flarilo de ĉiu bona kaj scivolema ĵurnalisto.

Ekzemple en 1969 Ryan konvinkis redaktoron de brita juda gazeto, ke Adolf Hitler vivas en Londono kaj perlaboras la ĉiutagan panon kiel kelnero en mizera, flankstrata restoracio. Same prosperis al Ryan sin prezenti lastatempe kiel konfidanto de irlanda episkopo senhonorita pro seksrilatoj kun usonanino.
Kaj dum sia „kariero" kiel gazetaro-trompisto Ryan - kiu ne malbone enspezis pro la naiveco de ĵurnalistoj - intervjuiĝis en la roloj de teroristo, armilo-peranto, kaj mortanta opero-amanto.
Ĉiukaze estiĝis freneza intereso inter ĵurnalistoj, ĉiuj avidaj je „ekskluziva" artikolo pri ĵus malkovrita fenomeno, kaj ĉiuj pretaj malplenigi la monujon por akiri rajton kaj renomon unue artikoligi plejlastan sensacion.

**Konstante ĉion kontrolu**

Laŭ Ryan „Ĉio ĉi fariĝis speco de hobio, de narkotaĵo. Plue la homaro estas ĝenerale tiel ŝtipe stulta, ke ĝi meritas tian traktadon." Tamen malantaŭ klaŭna, iom sarkasma eksteraĵo kuŝas io serioza: pro tio la prelego de Ryan antaŭ ontaj ĵurnalistoj. Gravas - kaj tion substrekis la docentoj, kiuj invitis Ryan prelegi - ke ĵurnalistoj konstante, rigore ĉion kontrolu: faktojn, fontojn, intervjuotojn, intervjuitojn. Kaj, kontrolinte, denove kontrolu.
Sendube, diris unu el la docentoj, Ryan ne estas la sola ŝarko en la gazetara maro: do, atentu!
Paŭlo GUBBINS

*Rim. de l' red.: Plej granda tia trompo en la stilo de Ryan probable estis en 1983, kiam renoma germana magazino* Stern *(Stelo) pagis gigantan monsumon por falsitaj taglibroj de Adolf Hitler. Atestis la menciitan stultecon de homoj ankaŭ tio: en* Monato *6-7 de tiu jaro aperis en rubriko „satiro" simila sensacia raporto pri trovo de nekonitaj taglibroj de Zamenhof - tamen estis legantoj, kiuj kredis la satiraĵon serioza, vera informo...*

KONTAKTOJ

# Ekzemplo el Kroatio

**Unu el la celoj de TEĴA estas ankaŭ havi kontaktojn kaj kunlaboron kun neesperantistaj ĵurnalistaj asocioj. Unua paŝo por realigi tion povas esti artikolo en revuo de tia asocio.**

Tion faris *Davor Grgat* en Kroatio: li aperigis artikolon en NOVINAR (= Ĵurnalisto) n-ro 9/92, organo de Kroata Ĵurnalista Societo. Estis tutpaĝa artikolo, kiu informis pri la TEĴA-kunveno en Vieno (jen do la aktuala motivo por la redaktoro, akcepti artikolon), sed ankaŭ pri Esperanto kaj E-ĵurnalismo ĝenerale. Ĉar tio povas esti ekzemplo ankaŭ por aliaj TEĴA-anoj, ni aperigas kelkajn partojn de tiu ĉi artikolo:

En Vieno dum la 77a UK de Esperanto, okazinta dum la 25a de julio ĝis la 1a de aŭgusto ĉi-jare, kiun partoprenis pli ol tri mil esperantistoj el 69 landoj de la tuta mondo, okazis ankaŭ nombraj kunvenoj, simpozioj, kulturaj manifestacioj. Tio estis okazo, ke okupiĝu pri si mem ankaŭ ĵurnalistoj-esperantistoj, kiuj profesie aŭ amatore laboras en ĵurnalismo, ĉu en sia nacia lingvo, ĉu en kaj pri Esperanto.
Pro kio Esperanto kaj ĵurnalismo? Se oni scias, ke Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) estis fondita jam en la jaro 1948 en Malmö, kaj ke ĝi estas demokrata, faka, neŭtrala kaj krea organizaĵo, kunlaboranta kun UEA, tre simple oni povas respondi je tiu demando. Nome, hodiaŭ en la mondo pli ol 5 milionoj da homoj scias kaj parolas Esperanton, kaj inter ili troviĝas ne malmultaj ĵurnalistoj, kiuj sciante Esperanton pli

---

* *InterMonato* estis interna bulteno por kunlaborantoj de l' magazino, redaktita de *S. Maul*, por trejni ilin en ĵurnalismo; esence ĝi estis do revueto por ĵurnalistoj tiutempe, kiam IĴ ne kontentige plenumis tiun ĉi taskon.

efike kaj pli sukcese komunikas inter si, tra la tuta mondo. Malmulte konate estas, ke hodiaŭ en la mondo estas publikigataj pli ol cent gazetoj kaj revuoj en Esperanto, apud konstantaj radio-elsendoj por esperantistoj (kiuj nur en la jaro 1991 estis 3450 kun daŭro de 1760 horoj). ...

Esperanto fakte disvastiĝas ĉiutage kaj adeptojn havas ĉiam pli kaj pli multajn, kaj pro tio ni povus esperi ke Esperanto kaj ĵurnalismo estonte notos pli kaj pli multajn komunajn sukcesojn - kio, cetere, inter alie estas ambaŭflanke celo kaj tasko. Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio klopodas altigi precipe la profesian kaj edukan nivelojn de sia anaro kaj kunlaborantoj, laŭ la principoj de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. Speciala celo estas plibonigi komunikadon inter la homoj tra la tuta mondo, kaj fondi landajn sekciojn de TEĴA en pluraj landoj.
... {sekvas detaloj pri la membrokunveno kaj laborprogramo de TEĴA}
Estraro de TEĴA nombras 6 personojn, el tiom da landoj, inter kiuj kiel estrarano elektita estas Davor GRGAT el Split, ano de Kroata Ĵurnalista Societo.

***

Sub la artikolo aperis alvoko al esperantistoj-ĵurnalistoj en Kroatio, aniĝi al TEĴA kaj eble fondi landan sekcion, kun adreso kaj telefon-numeroj de la aŭtoro.

BRITIO

## Kiel eduki legantojn

**Kvarono de 16- ĝis 20-jaruloj en Britio nur kun peno kapablas legi: pro tio - laŭ rezultoj de enketo publikigita en 1990 - 13 % de 20-jaruloj neniam legas ĵurnalon.**

Ne legi ĵurnalon signifas ne aĉeti ĵurnalon, kaj gazeto-proprietuloj ja konstatis, ke iom post iom britoj rezignas pri sia ĉiutaga legaĵo. Ekzemple, en 1987 tage vendiĝis 12,1 milionoj da bulvardaj gazetoj, plus 2,6 milionoj da t. n. „kvalitaj" gazetoj; en septembro 1992 temis pri respektive 11,1 kaj 2,5 milionoj. Nur 19 % de britoj informiĝas pere de ĵurnaloj, kompare kun 27 % antaŭ 10 jaroj. Plene 70 % dependas tamen de televido kiel ĉefa inform-fonto (58 % antaŭ 10 jaroj).

**Mallarĝa horizonto**

Iom heliĝas la scenejo nur pro tio, ke kreskas la nombro de revuoj: en junio 1988 ekzistis en Britio 2021 magazinoj; 4 jarojn poste 2394. Ŝajnas, ke preferas legantoj konatan, ofte mallarĝan horizonton de faka revuo ol vastan, sed foje fremdan kaj pensinstigan perspektivon de gazeto.
Por reteni la legantaron oni povas - kiel informas Stefan Maul en IĴ 4/92 - koncizigi raportojn kaj ilin kvazaŭ televidigi, laŭ modelo de *USA Today* („Serĉo de nova ĵurnal-profilo"). Tamen en Britio oni elektis alian vojon. Lanĉiĝis antaŭ kelkaj jaroj ambicia projekto kun simpla, unusola celo: en televida epoko ne nur konsciigi homojn pri la valoro de la gazetaro sed ankaŭ ilin alkutimigi al nocio de ĉiutaga ĵurnalo - alivorte, ilin legigi.

**„Gazetoj en edukado"**

Por realigi projekton „Gazetoj en edukado" ĵurnalistoj kaj redaktoroj kunlaboras kun lernejoj kaj ĉefe kun instruistoj pri la angla lingvo. Aranĝiĝas vizitoj ĉe redaktejoj; interparolas kun ĵurnalistoj la gejunuloj; estiĝas staĝoj; finfine produktiĝas lernejaj gazetoj fare de lernejanoj sed sub gvidado de profesiuloj. Tiel - laŭ iniciatintoj de projekto „Gazetoj en edukado" - enradikiĝos je juna aĝo ne nur kompreno kaj konscio pri gazetaraj aferoj sed ankaŭ lingvokapabloj: kapabloj, kiuj poste ebligos al homoj legi, ĝui kaj aĉeti ĵurnalojn.
Tamen projekto „Gazetoj en edukado" restas etskala. Multaj ĵurnalistoj trovas nek emon nek tempon engaĝiĝi. Sed laŭ opinio de s-ro John Aldridge [Ĝon Aldriĝ], proprietulo de regiona gazeto-ĉeno en Leicester [Leste], Anglio, nepras, ke la ĵurnalistaro tuj engaĝiĝu. Se ne, avertas s-ro Aldridge, post 15 jaroj estos pereinta pro manko de legantoj la gazetaro.
Dum lernej-nivele agas ĉefe urbaj kaj regionaj gazetoj, aktivas ankaŭ la ĉefurba, nacia gazetaro. Same estas celitaj gejunuloj - legantoj de morgaŭ. Unu el la plej famaj britaj ĵurnaloj, *The Times* (La Tempoj) surmerkatigis antaŭ kelkaj jaroj junularan gazeton, *Early Times* (Fruaj Tempoj), kun koncizaj,

EARLY TIMES
THE INDEPENDENT NEWSPAPER FOR YOUNG PEOPLE

klare verkitaj artikoloj pri aktualaj temoj. Ankaŭ ĵurnalo *The Guardian* (La Gardisto) ĉiumarde aperigas kromajn paĝojn por junaj, dekkelkjarulaj legantoj.
Ĉu tiel refluos la televido-tajdo, ĉu tiel kaptiĝos novaj generacioj de ĵurnalo-legantoj, restas vidote. Gratulinde tamen, ke oni almenaŭ provas refuti la pesimisman prognozon de s-ro Aldridge.

**Ĉu pli legema verda popolo?**

La Esperanto-gazetaro troviĝas en aparta situacio. Mankas konkurenco de televido-kanaloj en Esperanto (evidente abundas nacilingvaj) ... sed ĉu pro tio la verda popolo estas pli legema ol la ekran-okula, neverda, estas iom dubinde. Se homoj ĝenerale malkutimiĝas al ĵurnalo-legado, ĉu oni povas konkludi, ke same esperantistoj turnos la dorson al sia gazetaro? Ĉu oni devas nun ekplani bildstrian version de MONATO, eĉ pli koncizan *Koncize* ... por esperantistoj de la venonta jarcento, al kiuj legado eble estos tiel fremda kiel hieroglifoj al ni?
Paŭlo GUBBINS

JUBILEO

# Por etnaj liberecoj

**La Esperanto-gazetaro estas riĉa kaj varia. Ne estas do malofte, ke iu revuo festas sian 50an numeron, kiel faris ĵus „Etnismo", informilo pri etnaj problemoj.**

Tamen la temoj, kiujn ĝi pritraktas, estas esence gravaj por kompreni multajn el la nunaj politikaj evoluoj en la mondo. Kroatio, Litovio aŭ Slovakio ne nur lasttempe aperis sur la paĝoj de *Etnismo*, kiun eldonas IKEL (Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj). Ĝi jam delonge sekvis, analize kaj klarige, la strebojn al plia memkonscio de tiuj kaj aliaj etnoj, de Groenlando ĝis Nov-Kaledonio, de la sintioj (ciganoj) ĝis eŭskoj (vaskoj) kaj frisoj.
IKEL bazas sian agadon sur la principo de suvereneco de ĉiu etno, en la kadro de tuthomara solidaro. La konsistigaj elementoj de etno estas la komunaj denaska lingvo kaj tradicio. IKEL tutmonde kolektas informojn pri la historio kaj nuna situacio de la etnoj, diskonigas tiujn informojn per ĉiuj adekvataj rimedoj, precipe per sia bulteno *Etnismo*, intervenas ĉe plej diversaj institucioj kaj aŭtoritatoj por forigi diskriminacion kontraŭ etnoj, kaj pledas por uzado de la lingvo internacia en ĉiuj inter-etnaj rilatoj.
Adreso de IKEL-prezidanto kaj *Etnismo*:
Uwe Joachim Moritz
Im Römerfeld 44
D-W-5180 Eschweiler
Germanio
telefono 49/2403/66888
telefakso 49/2403/64041

VARBADO

# TEĴA prezentas sin

**Tiel nomiĝas inform-kajereto, kies unuan eldonon ni ĵus aperigis; ĝi servu precipe al varbado de novaj membroj.**

Ĝis nun mankis iu varbilo de TEĴA; ordinare je informpeto ni simple sendis ekzempleron de nia revuo kun aliĝilo. Sed tio montriĝis tre nekontentiga solvo, ĉar ekzemplero de IĴ ja kostas, kaj sole per la revuo kaj per aliĝilo interesiĝanto ne ricevis necesajn bazajn informojn pri la asocio. Krome, kvankam sur la aliĝilo oni devis subskribi, ke oni agnoskas la statuton, la eventuala membriĝonto ja tute ne konis ĝin.

La 16paĝa kajereto en formato DIN A 5 **TEĴA prezentas sin** pro tio informas per jena enhavo:
- Konciza klarigo pri tio, kio estas kaj kion celas TEĴA;
- Kompletaj tekstoj de statuto, etika kodo kaj reglamento;
- La aktuala laborplano de TEĴA akceptita de l' membrokunveno en Vieno;
- Gravaj adresoj (estraro, administracio, landaj sekcioj, laborkomisionoj):
- Indikoj pri tio, kiel membriĝi en TEĴA.

Tiel do ĉiuj novaj membroj estonte havos la statuton. Ne ĉiuj antaŭe aliĝintaj membroj havas ĝin, sed bonvolu pro tio ne peti nun la inform-kajereton. Ni ja planas, eldoni poste **jarlibreton** de TEĴA, en kiu aperos kaj la statuto, reglamento, laborplano ktp. kaj la membrolisto. Tiamaniere estonte ĉiu membro ĉiam havos la tekstojn validajn en la koncerna jaro, ekzemple la aktualan laborplanon.

**Se vi volas varbi...**

... vi havas du eblecojn:
o Se vi volas persone transdoni la inform-kajereton **TEĴA prezentas sin** al kolego, konato, amiko k. s., petu ekzempleron ĉe la kasisto aŭ Flandra Esperanto-Ligo.
o Se vi scias aŭ supozas, ke iu persono eble havas intereson pri TEĴA, sendu ties adreson al la kasisto aŭ Flandra E-Ligo kun la peto, ke oni sendu al tiu la inform-kajereton.

Se vi ŝatus kunporti plurajn ekzemplerojn de **TEĴA prezentas sin** al iu kongreso, konferenco, kurso ktp., bonvolu ĝustatempe mendi la necesan kvanton. Por ŝpari kaj ĉar pro kelkaj detaloj ĉi tiu unua eldono estas nur provizora, ni preparis nur limigitan kvanton da ekzempleroj. sm

---

## Lasta *Rok-gazet'*?

„Ne sufiĉe de abonantoj alvenis ĝis nun, kaj tio estas nia lasta alvoko." Tion oni povas legi en n-ro 4 de *Rok-gazet'*, pri kies malfacilaĵoj IĴ informis jam en n-ro 2/92. Evidente do la situacio ne pliboniĝis (nur 150 abonantoj, la duoblon oni bezonus). Ĉu la eldonantoj miskalkulis, ĉu la merkato estas tro malgranda por tia speciala revuo pri rok-muziko (kaj alia muziko, cetere)? Ankaŭ tiu ĉi kvara numero impresas per riĉa enhavo kaj tre multaj fotoj kaj ilustraĵoj - devus impresi precipe junajn homojn, do estus bona varbilo speciale ĉe tiu celgrupo. Eble almenaŭ tio povus esti motivo ankaŭ por aliaj, kiujn ne tiom ravas rokmuziko, subteni ĝin. Se vi opinias, ke *Rok-gazet'* devus ne fariĝi unu el la multaj efemeraj revuoj en Esperantujo, jen la adreso:
EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio,
F-31450 Donneville
Francio

## Esperanto-karaktraro por Windows 3.1

La Komputila Rondo (KompRo) informas en la plej nova KompRo-informilo 3/92 pri nova Esperanto-karaktraro. Ĝi ebligas al ĉiuj uzantoj de *Microsoft Windows 3.1* senprobleman skribadon de la Esperantaj diakritaj literoj. La *Futura*-tipa karaktraro estas instalita pere de la helpprogramo *Adobe Type Manager* kiu haveblas por ĉirkaŭ 200 DEM en komputilaj vendejoj. La Esperanto-karaktraro uzeblas en ĉiuj *Windows*-programoj, do ne necesas speciala tekstprilaborilo. Ekzemple vi povas skribi tekstojn per *Write* (liverata kun *Windows*) aŭ *WinWord*, desegni grafikaĵojn kiuj enhavas Esperanto-tekstojn kun la programoj *Paintbrush*, *Corel Draw* ktp.

Samtempe aperis la nova KompRo-adresaro 1992/93 kun adresoj el 24 landoj de Esperantistoj kiuj hobie aŭ profesie uzas komputoron. Ankaŭ ĉi-jare la adresaro enhavas multajn komputil-retajn adresojn. KompRo mem estas rete atigebla ĉe la adresao kompro@mcshh.hanse.de.

KompRo volonte sendas la karaktraron sur 3.5 cola diskedo inkluzive la informilon 3/92 (kontraŭ 10 DEM) aŭ la novan adresaron (5 DEM). Skribu al: Komputila Rondo, s-ro Jürgen WULFF, Bornkamp 12, D-W-2000 Hamburg 70.

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

## Atenco kontraŭ la ĵurnalisma etiko

***Bernard Golden*, Hungario, skribas pri persona sperto, kiun li enkondukas per la vortoj „mi akuzas":**

En *Internacia Ĵurnalisto* (IĴ) sur p. 2 de n-ro 4/1992 aperis propono por nova punkto 9 de la Etika Kodo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). Ĝi tekstas jene:
„Artikoloj, kiuj laŭ formo aŭ enhavo povas humiligi aŭ kalumnii homojn kaj grupojn pro ties morala aŭ religia konvinko, ne konformas al ĵurnalisma etiko; tio validas ankaŭ por ilustraĵoj, karikaturoj, fotoj kaj filmoj."
Mi centprocente aprobas tiun punkton de la Etika Kodo, kaj mi donos hontindan ekzemplon de malobservo de la principo fare de *Nikolao Stepanov*, membro de TEĴA, kaj *Donald Broadribb*, la redaktoro de *The Australian Esperantist* (TAE).
[Rim. de red. de IĴ: membro por TAE ne estas *Broadribb* sed *Koppel*]
En TAE 266/1991, p. 13-14, estis publikigita mia artikolo titolita „Ĉu Zamenhof estis pola kuracisto?", en kiu mi klarigis, ke estas malĝuste diri, ke Zamenhof estis polo, ĉar laŭ genta aparteneco li estis judo. Eĉ polan civitanecon li ne posedis, ĉar dum lia vivo ne ekzistis pola ŝtato. Zamenhof estis ruslandano, regata de la cara Rusa Imperio. Oni, do, devas paroli kaj skribi pri „juda kuracisto". Unu el la celoj de miaj artikoloj pri la genta aparteneco de d-ro Zamenhof estis logi el iliaj kaŝejoj esperantistajn judofobiulojn kaj antisemitojn. Tion mi sukcesis fari sur la paĝoj de TAE.

**Stepanov misprezentas**

Legis mian artikolon *Nikolao Stepanov* el Moskvo, kies reago troviĝas en TAE 270/1991, p. 20. Ne plaĉis al tiu ruso mia priskribo de Zamenhof kiel juda kuracisto, do post multevorta ekspliko pri la kutimoj uzi nomojn kaj titolojn en Rusio, li transbaptis Zamenhof „rusa kuracisto"! Tio estas same erara kiel „pola kuracisto", ĉar Zamenhof ne apartenis al la rusa gento.
Stepanov faris eĉ pli riproĉindan paŝon, kiam li asertis **sen iuj ajn atestaĵoj**, ke „ŝajnas, ke kaj L. Zamenhof kaj lia patro M. Zamenhof estis t. n. *kreŝĉjonyje jevrej* („baptitaj judoj"), t. e. baptitaj en ortodoksan eklezion..." Tiel Stepanov daŭrigis disvastigadon de la falsaĵo pri kristaniĝo de Zamenhof, same kiel faris kelkajn jardekojn pli frue la mense malsana *Petro Stojan*, kiu, estante antisemito, senbaze kalumniis Zamenhof per la mensogo, ke li aliĝis al la luterana eklezio.

**Stepanov kalumnias**

Poste Stepanov aplombe konfesis, ke li riskas esti kulpigita je antisemitismo, ĉar la ankoraŭ ekzistanta antisemitismo en Rusio estas klarigebla „per la fakto, ke hebreoj strebas ĉien enŝovi sian judecon". Rimarku, ke Stepanov ne skribis, ke *kel-*

*kaj* aŭ *iuj* judoj strebas enŝovi sian judecon; li akcentis, ke estas „fakto", ke „hebreoj strebas" fari tion. Tiun esprimmanieron oni devas interpreti kiel ĝeneraligon de la konduto de judoj en Rusio: *ĉiuj* judoj agas tiel. Stepanov, tamen, ne demonstras, kiel tiu agado estas „fakto", t. e. kiel okazas enŝovado de judeco ĉien.

**Refutado rifuzita**

Estas malfacile kompreni, kial la redakcio de TAE akceptis por publikigo tiun senrespondecan esprimon de antisemitismo fare de judofobiulo kiel Stepanov. Mi sendis version de la nuna protesto al la redaktoro kun la celo refuti la misprezentadon faritan de Stepanov, kiu kalumnias d-ron Zamenhof kaj la judojn de Rusio, sed redaktoro Broadribb rifuzis publikigi ĝin. La rezulto estas, ke legantoj de TAE ricevis nur la torditan vidpunkton de Stepanov kaj ne havis eblon scii la veron.

**Kiel reagos TEĴA?**

La priskribita kazo estas ekzemplo de duobla atenco kontraŭ punkto 9 de la Etika Kodo de TEĴA. Temas, unue, pri kalumnio kontraŭ grupo pro ties religia konvinko kaj, due, pri rifuzo de redakcio publikigi refuton kaj ĝustigon. Mi do proponas, ke membroj de TEĴA pridiskutu la aferon sur la paĝoj de IĴ, eble en speciala rubriko dediĉita al ĵurnalisma etiko, por ke la organizaĵo povu preni neambiguan starpunkton pri tiu ĉi misfaro.

***

**Komento de *Stefan Maul*:**
TEĴA kompreneble ne posedas juĝistan kompetentecon, kvankam ĝi havas arbitracian komisionon; ties funkcio tamen estas limigita al rekomendo eksigi TEĴA-anon donota al la membrokunveno, kiu decidas pri eksigo. Aliaj sankcioj ne estas antaŭviditaj en la statuto. Sed eble oni devus prikonsideri la aferon. En Germanio ekzistas tielnomata *Presserat* (= gazetara konsilantaro), kiu okupiĝas ĝuste pri tiaj kazoj: se iu ajn alvokas ĝin pro tio, ke laŭ la opinio de l' akuzanto iu gazeto vundis la etikan kodon, la konsilantaro povas eldiri moralan verdikton, pli malpli forte kondamnante redaktoron aŭ redakcion.
Oni povus imagi, ke la arbitracia komisiono de TEĴA ricevus similan funkcion kaj do povus atribui malpremion, moralan malaprobon - simile kiel ni planas atribui premiojn pro elstaraj ĵurnalistaj faroj.

# Avida je spertoj de E-redaktistoj

**Al la diskutado pri amatoraj kaj profesiaj ĵurnalistoj, *Maritza Gutiérrez González*, Kubo, aldonas plian aspekton; ŝi skribas:**

Mi volas iom reagi pri numero 3/92, kiu aperigis tre varian kaj interesan enhavon! Kun granda atento mi legis rezonadon de sinjoro A. Korĵenkov el Rusio pri amatoroj. Mi ŝatus aldoni, ke krom la du menciitaj kategorioj de ĵurnalistoj, kiuj laŭ li estas subtegmente de TEĴA, oni ne devas preteratenti alian kategorion, kiu malgraŭ kvante ne tiom signifa, estas miaopinie konsiderinda en la ĵurnalismo nuntempa plej aktiva kaj eble sperta agado ĉe Esperanto.
Temas pri tiuj ĵurnalistoj kaj esperantistoj samtempe, kiuj estante ĵurnalistoj, profesie laboras por Esperanto; ekzemple, mi estas en tiu speco; mi estas ĵurnalistino kaj laboras ĉe la Esperanto-redakcio de Radio Havano Kubo; do mi profesie estas plentempa dungito, kiu perlaboras salajron pere de Esperanto. Rilate al interesoj, logas min nacilingva gazetaro (radio) kaj kondiĉoj de profesia laboro alilande, sed ankaŭ la problemoj de la Esperanto-gazetaro.

**Manko de informoj**

Mia profesia laboro estas radio-ĵurnalismo. Mi konsideras ĝin interesoplena laboro kaj des pli ŝatata, ĉar mi realigas ĝin esence pere de Esperanto; sed ofte mi trovas mankon de informa fonto por redakti pli varian kaj enhavriĉan programon. Pri tio ja povus efike roli E-informagentejo; ni estus efektivaj klientoj. Estas ankaŭ mia opinio, ke tian projekton baras pluraj obstakloj financaj kaj aliaj, tamen ke ĝi subtenindas.
Pri tio mi tre ŝatus legi spertojn de redaktistoj en aliaj landoj elsendantaj Esperanto-programojn; ankaŭ interesus min legi similan raporton de ĉinaj kolegoj, kiuj redaktas la revuon *El Popola Ĉinio*.
Nia revuo IĴ instigu al tiaj ĵurnalistoj, ni nomu ilin „membroj de tria kategorio", transdoni siajn spertojn rekte ligitajn al sia agado pere de Esperanto kiel ilo por plenumi sian profesian ĵurnalismon! Mi ja pretas iel kunlabori tiusence!

# Fotoj mankas

***Will Green*, Britio, havas problemon, kiu probable plagas ankaŭ multajn aliajn:**

Kiam mi provizas informon al gazetoj, mi suferas pro manko de bonaj nigrablankaj fotoj. Ni havas ege malmultajn bonkvalitajn fotojn taŭgajn por presado. Ĉu legantoj havas? Ĉu oni povas sendi al mi kopiojn de tre klaraj fotoj, kun temoj *infanoj, junuloj en agado ia, beletaj junulinoj kun E-rilato en bildo, ĉiuj monumentoj de Esperanto, portretoj de eminentuloj (ne nur esperantistoj) kiuj subtenas Esperanton. Klaraj kaj imponaj fotoj de inaŭguroj de U.K. (ne simple la estroj sur la podio), ĉio ajn kiu montras Esperanton funkcianta.*
Kolorajn bildojn ni ne deziras. Simplajn stratmanifestaciojn ni ne bezonas. Portretoj ne povas

facile montri ion Esperantan, kaj eĉ grupo ne estas utila se ĝi ne tre evidente estas en Esperanta klopodo. Grupo kun afiŝoj estu ja nur bonegaj, alie neutilaj. Reklamantoj portantaj T-ĉemizon kun Esperanto-devizo ... ne dankon. Se eble, la foto prezentu temon sen troa bezono de klariga anekdoto. Kaj la kvalito devas esti perfekta. Grando ne gravas, sed eble celu al proksimume 10 cm x 8 cm minimume, kaj maksimume 15 x 12.
(Adreso: Will Green
202 Dunkery Road
Mottingham
London SE9 4HP
Britio)

*Rim. de red.: Ĉu ne jam ie - ekz. en C. O. de UEA - ekzistas fotobanko? Se ne, ĉu eble estus tasko de TEĴA instali ĝin?*

## Denove pri *Nova Provo*

**Pri la artikolo „La nova periodaĵo *Nova provo*" en n-ro 4/92 skribas *Roy McCoy*:**

Mi ne volas longe respondi al la kritikoj de Bernard Golden pri la reform-asocio Novo kaj ties organo *Nova provo*, sed mi ja volas korekti kelkajn misojn en lia artikolo.
Unue, la celo de Novo ne estas membrigi reformemulojn en aliĝonta fakasocio de UEA, kiel Golden komence asertis. La celo estas komuna ellaborado de nova planlingvo, surbaze de la nuna Esperanto. Ekzistas inter la membraro ĝenerala interkonsento, nun konfirmita de lastatempa voĉdono, ke Novo „laŭeble fariĝu aliĝinta aŭ kunlaboranta asocio ĉe UEA", sed tiu estas nur unu demando kiun ni frontas. La celo estas io alia.
En la numero de *Nova provo*, kiun mi sendis al s-ro Golden, la artikoloj estis ja en la dukolumna formato kiun li priskribis: reformversio maldekstre kaj normala Esperanto dekstre. Sed responde al kelkaj kritikoj - inkluzive tiun de Golden mem - tio ŝanĝiĝis. En la dua numero jam estis du artikoloj en unulingva formato, kaj en la tria estis nur unu en la dukolumna. Reformlingva verkado estas ankoraŭ kuraĝigata, sed ne plu estas insisto pri provizo de du versioj.

### Ne zelotoj

Golden havas mirindan aŭdacon aserti ke la novistoj estas „zelotoj", dum li estas verkinta tiomajn dekojn da polemikaĵoj kontraŭ mi - diversaj kun enhavo pure kalumnia - kaj ŝajne sendinta ilin al preskaŭ ĉiu Esperanto-revuo en la mondo. Novo iras sian vojon sufiĉe kviete kaj humile (verŝajne tro), kaj se estas iu evidenta zeloto en la afero estas Golden mem kaj neniu alia.
Dum ja estas vere ke ne ĉiu novisto estas brila lingvisto, la insulta pentrigo de ili kiel „dumvivaj fuŝuloj" estas sufiĉe maljusta. Golden ne menciis, ekzemple, la membrecon de *Joachim Werdin*, apostolo de Esperanto en Azio, pri kiu oni apenaŭ povus aserti ke li „neniam faris utilan laboron por Esperanto sur iu ajn tereno".
Golden ankaŭ neglektis diri, ke mi *invitis* lin kontribui; tio ke mi „obstine rifuzis" lian kunlaboron estas simple mensogo. Mi komence ne akceptis artikolon kiun li sendis, same kiel mi ne akceptis plurajn aliajn, ĉar ĝi ne estis en du versioj laŭ la tiama koncepto kaj formato de la revuo. Poste mi ne aperigis liajn artikolojn ĉar li ne akceptis membriĝi en la asocio (kvankam li tre evidente volis partopreni en la agado). Li atendis ke li kiel observanto rajtu aperigi siajn artikolojn, kvankam neniu alia observanto havis tiun rajton, kaj li eĉ rifuzis pagi observanto-kotizon kiel la aliaj (ekzemple *Detlev Blanke*). Tio kion mi rifuzis estis liaj provoj meti sin en specialan privilegian kategorion rilate la novan asocion.

### Longa vivo

Lasante flanke la demandon ĉu la ekzistokialo de *Nova provo* estas efektive „negativisma" (ĉu pli ol tiu de Esperanto mem, kiu negativas pri la venkanta angla?), mi fine esprimas mian fidon ke, spite la profetecan prognozon de Golden, *Nova provo* sufiĉe longe vivos. Ĝi tute ne estas komerca propono, kaj tiel ne dependas de iu minimuma abonantaro por povi pluvivi. Ĝi eble ne sukcesos atingi sian celon, sed nek Esperanto tion faras.
Se iu leganto de *Internacia Ĵurnalisto* trovas sin interesita de la ideo pri komuna ellaborado de lingvo internacia, tiu skribu al
Novo - Roy McCoy
Bajonetstraat 78
NL-3014 ZL Rotterdam
Nederlando

## METIEJO

**PRAKTIKAJ**
**kaj**
**UTILAJ AFEROJ**

# Praktika konsilaro por gazetara servo kaj kongres-kuriero

## Utila ne nur por UK

**TEĴA ne perdis tempon: por ke jam dum la UK en Valencio en 1993 estu je dispono konsiloj por gazetara servo kaj kongresa kuriero, unua versio de koncerna konsilaro (vidu IĴ 4/92, p. 7) estas preta.**

La kolekto sub iom longa titolo „Informado dum kaj pri la Universalaj Kongresoj - gazetara servo - kongresa kuriero - konsiloj kaj klarigoj" danke al kunlaboro de pluraj spertuloj fariĝis jam en tiu ĉi unua eldono sufiĉe impona: ĝi ampleksas

ne malpli ol 40 foliojn en formato DIN A4!
Tio tamen ne fortimigu uzontojn, ĉar granda parto estas ne por legi kaj studi, sed simple tute praktikaj ekzemploj, modeloj kaj formularoj por rekta aplikado.

**Koncizaj klarigoj**

La konsilaro ne okupiĝas pri teoriaj aferoj - por tio ekzistas *Manlibro pri Ĵurnalismo* - sed en la unua parto donas koncizajn, tamen sufiĉajn klarigojn pri funkcioj kaj taskoj, pri bezonataj personoj kaj teknikaj instalaĵoj. Dua ĉapitro priskribas la preparajn laborojn. Sekvas pli detalaj informoj pri taskoj de gazetara servo kaj kongresa kuriero. Ĉio estas klare dividita kaj superrigardebla, kun indikoj kion fari antaŭ, dum kaj post la UK.

**Praktikaj listoj**

En la dua parto troviĝas modeloj kaj ekzemploj de komunikoj kaj kongres-kurieroj, formularoj ktp. Aparte praktikaj kaj valoraj sendube estas kontrolaj listoj por la diversaj funkciuloj, kiujn oni povas rekte uzi aŭ fotokopii por pluraj kunlaborantoj. Tiel oni ne forgesos eĉ la lastan paperkorbon...
Pro tio, ke unu el la celoj de l' konsilaro estas rekta uzebleco, la tuta kompilaĵo aperas sur unuopaj folioj ne binditaj aŭ vinktitaj; tiel oni simple povas elpreni ĉiun folion. Tio krome ebligos facile kompletigi la kolekton poste per pliaj ekzemploj kaj modeloj.
Ĉi ĉio sendube ankaŭ plifaciligos la kunlaboron inter C. O. de UEA, la konstanta kongresa sekretario, LKK kaj la diversaj kunlaborantoj eksterlandaj.

**Utila ankaŭ por aliaj kongresoj**

Kvankam kompilita unurange por UK-oj, la konsilaro sendube estas utila ankaŭ por aliaj grandaj kongresoj; certe, dum ili oni kutime ne havas kongresan kurieron (kial ne?), sed informado al ekstero principe estas aŭ estu sama aŭ minimume simila. Do la plej gravaj partoj, kun modifoj, tute bone taŭgas ankaŭ por organizantoj de aliaj Esperanto-kongresoj.

**Kiel ricevi ĝin?**

UEA mem disponigos la necesajn ekzemplerojn al la koncernaj funkciuloj por UK-oj, sed kompreneble nur al ili. TEĴA tamen ofertas al siaj membroj la konsilaron je repago de materialkosto kaj afranko. Sufiĉas ja mendi unu ekzempleron kaj en okazo de bezono mem fotokopii ĝin por pliaj kunlaborontoj. Se vi volas ricevi ekzempleron, do mendu ĝin rekte ĉe la kompilinto
Stefan Maul, Pferseer Str. 15,
D-W-8900 Augsburg
Germanio

## Dosiero por ĵurnalistoj

**Grava por informado pri UK estas ankaŭ taŭga materialo por neesperantistaj ĵurnalistoj. Pro tio ekzemple en la konsilaro (vidu supre) ĝi ludas gravan rolon.**

En IĴ 3/92 p. 7 ni prezentis ties Esperanto-version kaj proponis ĝin por verki diverslingvajn versiojn. Ĝis nun interesiĝis pluraj kolegoj, tiel ke eble baldaŭ ni havos versiojn en angla, franca, hispana, itala, sveda kaj irana lingvoj. Sed mankas ankoraŭ multaj aliaj lingvoj. Kaj kompreneble la dosiero taŭgas ne nur okaze de UK, sed tute ĝenerale por ĉiuj okazoj, en kiuj oni volas aŭ devas informi ĵurnalistojn pri la lingvo internacia.
Tial ni ripetas nian alvokon, mendi la dosieron (ĝi kostas nenion); eĉ se vi mem ne povas verki ĝin en via lingvo, eble aŭ certe vi konas aŭ trovos alian personon, kiu pretas fari tion. En ju pli multaj lingvoj la dosiero estas je dispono, des pli bone.
(Petu ekzempleron ĉe
Stefan Maul, Pferseer Str. 15,
D-W-8900 Augsburg.)

## REVUO de revuoj

**INFORMILO POR INTERLINGVISTOJ**
redaktita antaŭe en Pollando devis ĉesi pro ekonomiaj kialoj en tiu lando, nun reaperas sub redaktado de d-ro Detlev Blanke (Berlino). La unua numero estas mendebla kontraŭ respondkupono ĉe Centra Oficejo de UEA.

**HEROLDO DE ESPERANTO**
en n-ro 13/92 aperigas detalan artikolon de d-ro Werner Bormann pri la lingvoproblemo en Eŭropa Komunumo (EK) surbaze de la Traktato de Maastricht. Laŭ li, por la unua fojo en certaj sekcioj oni donas en EK privilegiojn al du lingvoj, angla kaj franca, per oficiala EK-teksto. (Interese estas, cetere, ke Bormann, membro de l' Akademio de Esperanto, kiu deklaris oficiala la terminon *Eŭropa Komunumo*, en sia enkonduko skribas, ke la esperantistoj nun „devas trovi sian nomon por tiu establaĵo, ĉu la klasikan komun-aĵ-on aŭ la novisman komun-um-on".)

**JUNA AMIKO**
revuo por lernejanoj
en 1993 kreskas de 24 al 32 paĝoj ĉiunumere.

**MONTEJO**
eldonaĵo de Nepala Esperanto-Asocio
Atingis la redaktoron de IĴ ties 2a (ne alvenis la 1a) numero (jul-sep 92): 8paĝa bulteno en formato DIN A 5, ilustrita per multaj desegnaĵoj, presita per bone legebla skribo. La redaktoro *s-ro Dipendra Kumar Piya* informas, ke oni havas jam legantojn en pli ol 30 landoj. Tiu ĉi numero enhavas artiko-

lon pri la festivalo (probable *festo*) de dio Indra Ĝatra, pri kraŝo de aviadilo en Nepalo, pri sorto de knabo malriĉa en Katmando (ĉefurbo), intervjuon kun pionira esperantisto kaj tradukon de poemo. Pri abonkotizo mankas informo. Adreso: Montejo; NEspA, P. O. Box 4098, Kathmandu, Nepalo.

**KROATA ESPERANTISTO**
organo de Kroata Esperantista Unuiĝo
pri kies reapero IĴ informis en sia antaŭa numero, ankaŭ en la 2a numero (sep 92) enhavas interesajn artikolojn, i. a. intervjuon kun vicministro de Bosnio-Hercegovino pri la helpo por la loĝantaro en tiu respubliko. Por TEĴA-anoj certe interesa estas ankaŭ intervjuo kun redaktorino de *Heroldo de Esperanto*, Ada Fighiera-Sikorska. Preskaŭ duonon de la materialo verkis ĉefredaktorino Marija Beloŝeviĉ. Oni prezentas E-agadon en Zagrebo, pedagogia paĝo temas pri la 26a Konferenco de ILEI. Sekvas (preskaŭ forgesata) Komenio-Kolegio, kiu eldonis libron pri la mondfama pedagogo kaj filozofo, kies E-versio aperis; E. Lapenna titolas sian recenzon „Instrua jes, impona malpli". Desegnaĵo sur la frontpaĝo pri aviadile bombardata vilaĝo la plej bone ilustras intercivitanan militon en eksa Jugoslavio. - Iom ĝenas la tre malgrandaj litertipoj, la aranĝo de la linioj en larĝeco de l' tuta paĝo, kio malfacilgas legadon (nur sur kelkaj paĝoj estas 2 kolumnoj). Bedaŭrinde troveblas ankaŭ relative multaj lingvaj eraroj; necesus pli zorgema reviziado.
Davor GRGAT / sm

**VERDIRE**
Ekologiisma Gazeto en Esperanto
La revuo, redaktata de *Claude Rouget*, nun havas vere profesian aspekton kun plaĉa kaj klara enpaĝigo kaj taŭgaj ilustraĵoj. N-ro 8/92 sur 24 paĝoj enhavas multajn interesajn artikolojn, grandan parton okupas raportoj pri seminario de Germana E-Junularo „Urboj por vivi". Interesaj ankaŭ ekologiaj argumentoj kontraŭ la Traktato de Maastricht.

**ESPERANTOLEHTI**
organo de Esperanto-Asocio de Finnlando
N-ro 2/92 aperis kun nova aspekto, kiun ebligis nova litertipo „Publika" por komputiloj de MacIntosh kaj IBM-kongruaj. Kiel klarigas redaktoro *Jukka Pietiläinen*, tiun litertipon li ricevis de alia TEĴA-membro, *Franko Luin* el Svedio. (Temas, evidente, pri litertipo tre simila al *Times*, sed la E-supersignoj sidas super la majuskloj - alie ol ĉe *Times* de Atari-programo Signum uzata en IĴ; ĝin *S. Maul* adaptis tiel, ke la E-supersignoj sidas nur iomete supre, ne multe pli ol ekzemple en la germanlingva versio. Komparu la germanajn literojn kun tiuj de Esperanto: Ŭ Ü, Ĉ Ä, Ĝ Ö.) La nomo Publika, cetere, signifas „por publika uzo de esperantistoj"; se vi deziras havi ĝin, kontaktu s-ron Franko Luin, Myggdalsvägen 123, S-135 42 Tyresö, Svedio.

**INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO**
organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)
En n-ro 3/92 p. 37 en rubriko „ILEI labortable" temas pri „Nia informado en Eŭropo", kaj ĉefa celo estas starigi fakan gazetaran servon. ILEI-prezidanto *Stefan MacGill* listigas detale celojn kaj necesajn paŝojn por realigo; eble utila teksto ankaŭ por aliaj, kiuj planas starigi gazetaran servon.

**EVA EN JAPANIO**
organo de Esperanta Virina Asocio
Neniam antaŭe mi vidis ĝin, sed nun alvenis ĉe la redaktoro de IĴ n-ro 85/86 de julio 1992, 20paĝa revuo en formato 18 x 26 cm, kun artikoloj duone en Esperanto, duone en japana. Volonte ni mencias ĝin, sed - grava peko en ĵurnalismo! - nenie en la kajero troviĝas latinliteraj kolofono kaj adreso (eble estis sur la koverto, sed bedaŭrinde mi forĵetis ĝin). Do mi ne povas helpi al interesiĝantoj.
sm

**EVENTOJ**
Internacia Sendependa Revuo pri la Esperanto-Movado
En n-ro 15 (okt 92) aperas tutpaĝa kritika analizo de *Joachim Werdin* „UEA: Ĉu ne kapabla?" Ni citas el ĝi parton pri „esperanto" de UEA: „Mi kredas, ke se redaktistoj de la revuo havus pli da sencenzura libereco kaj financo, ili evoluigus ĝin al pli valora, almenaŭ 100-paĝa plene kolora monata eldonaĵo, kiu havus dekojn aŭ centojn da miloj da abonantoj! Kial ja revuo ne havas pagatajn korespondantojn kaj ĵurnalistojn, se eĉ simplaj privataj gazetoj havas?"

**MONATO**
internacia magazino sendependa
En n-ro 11/92 *Paŭlo Gubbins* skribas pri la britaj gazetoj, kiuj pasintjare okupiĝis ĝisekscese pri la reĝa familio, kaj fine demandas: „Detruinte monarkion, al kio - al kiu - poste turnos sin la klaĉĵurnaloj?" - Aperas ankaŭ longa intervjuo kun aktoro *Jerzy Fornal*, kaj *Roland Rotsaert* amplekse priskribas la financ-krizon de EK.
Sur p. 3 la redakcio informas pri la rezultoj de enketo inter la legantoj; konsekvence oni reenkondukos rubrikon *Humuro* (antaŭe *Satiro*) kaj aldonos novan rubrikon *Ekologio*. Aliflanke oni forigos la rubrikon *Radioprogramoj* - kontraŭ kio protestis TEĴA-prezidanto *Stefan Maul* pro tio, ke E-redakcioj de radiostacioj havas kresktantajn problemojn kaj bezonas helpon ankaŭ de E-revuoj.

**SENNACIECA REVUO**
ricevis la premion Grabowski 1992 de UEA. La juĝkomisiono

„per tio rekonas la grandegan servon, kiun dum pluraj jardekoj Sennacieca Revuo faris por la evoluigo de altnivela Esperanta kulturo". La premio estas 700 usonaj dolaroj.

**EL POPOLA ĈINIO**
monata gazeto eldonata de Ĉina Esperanto-Ligo
Sur tri paĝoj kun multaj (parte koloraj) fotoj en n-ro 11/92 ĝi raportas pri la UK en Vieno - sed per eĉ ne unu vorto mencias la kongresan temon „Falas muroj de miljaroj" kaj la multnombran partoprenon de esperantistoj el ekssocialismaj landoj. Grandioza ekzemplo kaj vera majstroverko de tendenca ĵurnalismo, de ĵurnalismo sub cenzura premo. Ĉi tiu artikolo nepre devas eniri la materialon por trejnado de ĵurnalistoj!
sm

# PERSONE

**Armela LEQUINT kaj Ĵak LE PUIL**, redaktoro de „La Kancerkliniko", tradukis - certe ne pro sadismo - du verkojn de markizo de Sade: „Florville kaj Courval aŭ fataleco" kaj „La krimoj de l' amo". *Gerrit Berveling* en recenzo en „Fonto" laŭdas ne nur la altan literaturan valoron de la rakontoj de Sade, sed ankaŭ la „belstilan" tradukon: „Oni nur povas esperi, ke la sukceso instigos la tradukintojn daŭrigi per aliaj rakontoj de Sade." Kion aldoni? Mi mem same avide legis la enkondukajn partojn pri vivo kaj personeco kaj intencoj de Sade, ĉar mi ne hontas konfesi ke escepte de l' termino *sadismo* mi malmulte sciis pri li - en nia katolika gimnazio oni prisilentis tiajn „pornografiaĵojn"... Ho jes, ankaŭ tion laŭdas Berveling: „Male ol ofte estas kutimo, tiu ĉi eldono ne portas indikon pri la ,oficiala prezo' aŭ ,minimuma prezo' - sed ,maksimuma prezo': 6 dolaroj. Nepre ne tro por tia verko!" (Mendu ĉe La Kancerkliniko, Ĵak Le Puil, „Les Cocherats", F-18210 Thaumiers, Francio - sed ne forgesu, ke oni devas aldoni 20 % de l' vendoprezo por sendokosto.)
sm

**Ebbe VILBORG** pro sia verko „Etimologia vortaro de Esperanto" ricevis la OSIEK-premion 1992; la tria volumo de l' vortaro aperis en aŭtuno.

**Renato CORSETTI** serĉas 20 gravedajn esperantistinojn - iom stranga afero, ĉu ne? Tamen ĝi havas sciencan fonon: li volas ellabori universitatan studon pri funkciado de Esperanto kiel ĉiutaga lingvo. Por tio li „bezonas sekvi la lingvan evoluon de 20 infanoj, kiuj de la naskomomento estas alparolataj de almenaŭ unu gepatro en Esperanto". Se vi povas helpi lin, kontaktu:
Renato Corsetti, Colle Rasto, I-00036 Palestrina, Italio, tel. ...39-6-9575713.

**Tim CARR** estas nova rubrikredaktoro de „Monato"; li redaktas ekde 1993 la novan rubrikon *Ekologio* en la magazino; **Seán OBORNE**, krom la rubriko *Muziko* nun zorgas ankaŭ pri *Humuro*.

**Edwin P. GROBE** ofertis sian revuon „Arizona Suno", kiu informis per Esperanto pri kulturaĵoj de ĉi tiu usona ŝtato, dum unu jaro senpage, sed nun devis ĉesi pro manko de financa subteno.

# LINGVO

**PROBLEMOJ**
**DEMANDOJ**
**KONSILOJ**

## Scenar(i)o

En cetere lingve altnivela revuo aperis la termino *scenario*, transprenita probable senpripense el nacia lingvo; ankaŭ en germana lingvo oni uzas la terminon *Szenarium*. Tamen, se ni analizas la E-vorton *scenario*, ni trovas ke temas pri scen-ario, do ario kantata en sceno de teatraĵo, opero, opereto. PIV por la vere celata nocio indikas ĝuste *scenaro* kun jena difino: „Detala redaktaĵo de la diversaj scenoj..." Jen, kiel facile oni kaptiĝas per falsaj amikoj!
sm

## S-ro kaj s-rino

Pri mallongigoj en Esperanto skribas *H. Österreicher* en n-ro 163 (1992/1) de Informilo de Internacia Esperanto-Muzeo Vieno. Li atentigas, ke parte oni neregule uzas mallongigojn kaj donas kiel ekzemplon mallongigojn de sinjoro kaj sinjorino, kiuj ofte aperas en E-tekstoj kiel s-ro kaj s-ino, kvankam - se regule formitaj - ili devus esti **s-ro** kaj **s-rino**.

## Kia distanco!

Misa formo de plurvortaj nomoj, titoloj k. s. kun malĝusta distanco inter la vortoj kaj manko de ligostreketo bedaŭrinde fariĝas pli kaj pli ofta ankaŭ en Esperanto. Sur la frontpaĝo de IĴ 3/92 aperis foto, sur kiu videblis afiŝo kun la teksto „Eŭropa Esperanto Kongreso" anstataŭ la ĝusta „Esperanto-Kongreso". En *Heroldo de E.* de 18 okt 92 en ĉefartikolo oni skribis pri „Ne Registaraj Organizaĵoj" anstataŭ la ĝusta formo „Ne-Registaraj". - En la sama artikolo, bedaŭrinde, ankaŭ aperis jena frazo: „Ke la ĉeesto de la esperantistoj estis aktiva, montris la bona reeĥo en la amas-medioj." Du lingvaj eraroj en mallonga frazo (devus esti *eĥo* kaj *amas-komunikiloj*) - al kio kondukos tio, se eĉ en tiom prestiĝa gazeto enŝteliĝas tiaj teruraĵoj?
sm

SUPLEMENTO DE INTERNACIA ĴURNALISTO 1/93

# Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio

## MEMBRO-LISTO

***stato la de decembro 1992 - 127 membroj en 33 landoj***

***NUR POR INTERNA UZADO!***

*La membro-listo ebligu kontaktojn inter TEĴA-anoj por profesiaj celoj kaj ekz. okaze de vojaĝoj. Nepre oni uzu ĝin* **ne** *por aliaj aferoj kiaj komerca reklamado aŭ altrudo de taskoj; ne temas ja pri delegita reto. Neniu membro povas esti devigata reagi. Skribante al iu, laŭeble oni ĉemetu internacian respondkuponon por respond-afranko.*

La membrolisto enhavas ĉiujn nomojn kaj adresojn de personoj aliĝintaj ĝis la indikita dato laŭ jena formo:

En la laŭlanda listo en alfabeta ordo de l' ĉefnomoj kun jenaj indikoj:

Lando X (= aŭtosigno / poŝtkodo) 99 (membroj)
ĈEFNOMO s-rino/s-ro individua(j) nomo(j) ✉ privata leteradreso ☎ privata telefono ☎f privata telefakso / profesia funkcio ☎ deĵora telefono ☎f deĵora telefakso

En la alfabeta listo: ĈEFNOMO individua(j) nomo(j), lando.
Se oni scias nur la nomon, do en la alfabeta listo oni trovas, en kiu landa listo oni serĉu la kompletajn indikojn pri la membro.

# Laŭlanda membro-listo

## Argentino RA 1

PABLO León s-ro Osvaldo ✉ Gascón 552-11-E, 1181 Buenos Aires

## Aŭstralio AUS 2

KENDAL s-ro Bradley ✉ 75 Marco Ave., 2212 Revesby, NSW
KOPPEL s-ro H, ✉ Box 2122 T., GPO 3001 Melbourne, The Australian Esperantist

## Aŭstrio A 2

Internacia Esperanto-Muzeo ✉ Hofburg, 1010 Wien
KLAG s-ro Walter ✉ Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien

## Belgio B 5

DECEUNINK-BOLLAERT s-rino Annie ✉ Kluisstr. 22, 1500 Halle
HUMET s-ro Alex ✉ Van Campenhoutstr. 4, 2600 Berchem ☎ 3232392169 / matematikisto ☎ 3222178163 ☎f 3222175660
PEERAERTS s-ro Paul ✉ Baron Dhanisln. 13, 2000 Antwerpen / direktoro de Grafika Centro de Flandra Esperanto-Ligo ☎ +3232 / 343400 ☎f +3232 / 335433
PIRLOT s-ro Germain ✉ Steenbakkersstr. 21, 8400 Oostende ☎ 32-59 708700 / instruisto
ROTSAERT s-ro Roland ✉ Visspaanstr. 97, 8000 Brugge ☎ ☎f 32-50 330004 / ŝtatoficisto ☎ 32-2 2106312

## Brazilo BR 5

CHAVES s-ro Sylla Magalhães ✉ Rua Barão de Itambi 7/802, 22231 Rio de Janeiro
COELHO s-ro Luiz Alberto de Oliveira ✉ Rua Moreira César 220, 25850 Paraibo do Sul RJ ☎ 0242-631421
ENEY s-ro Dirceu ✉ R. Visconde de Parnaíba, 1501, BL. 3/Ap. 63 Brás, 03045-001 São Paulo - SP ☎ (011) 930013 / studento ☎ (011) 2602611-4703
LEDON s-ro Gilbert René ✉ Rua Maria Aparecida Anacleto 111, 04809 São Paulo ☎ 55(122) 621983 / industriisto ☎ 55(11) 5200490 ☎f 55(11) 5205629

LEDON s-rino Symilde Schenk ✉ Caixa Postal 269, 12460 Campos do Jordão, SP

**Britio** GB 8

BOULTON d-rino Marjorie ✉ 36 Stockmore St., Oxford OX4 1JT
DICKINSON s-ro Don ✉ Ivy House, Ousby CA10 1QA Penrith, Cumbria
GREEN s-ro Will ✉ 202 Dunkery Road, Mottingham SE9 4HP, London ☎ 081 851 7420 / sekretario de Esperanto-Asocio de Britujo ☎ 071 727 7821
GUBBINS d-ro Paul ✉ 3 Arden Court, Mossley, CW12 3JH, Congleton, Cheshire ☎ (01043) 260 274575 / lekciisto ĉe politekniko ☎ (01043) 617366541 ☎f 61745 8386
HAMMERTON s-ro Geoffrey ✉ 8 Bonsall Drive, Mickleover DE3 5HQ Derby ☎ 44-0332-51182 / emerita gazet-ĵurnalisto
HARRISON s-ro Harry ✉ Prospect Farm Trannack, Helston TR13 0DE
OCKEY s-ro Edward P. ✉ 15 Upper Pines, Woodmansterne SM7 3PU Banstead (Surrey)

**Bulgario** BG 3

KARUCIN s-ro Krestj ✉ bul. Hristo Botev 102, 1202 Sofia ☎ 003592/ 27-01-36 / ĵurnalisto
GEORGIEV s-ro Evgeni ✉ Baĉo Kiro 35 II., 1202 Sofia ☎ (003592) 834790 / ĵurnalisto
MURGIN s-ro Canko ✉ str. Iskâr 46, 1557 Sofia ☎ 83-93-19 / pensiulo

**Ĉilio** RCH 1

TACHAUER SEBÖK s-ro Jorge ✉ Av. Montenegro 1572 Santiago 11

**Ĉinio** TJ 3

CENSINIO ZENG s-rino Qianyi ✉ Tianlin 3 Cun 15/304, 200233 Shanghai / tradukisto, instruisto
SUN s-ro Mingxiao ✉ Zao Zhuang Shi, Weihua Lu 64, Hao linji Ganxiao, 277136 Shandong ☎ 223136 / instruisto
ZHANG s-ro Shi Ze ✉ Zhi Cheng Shi Tong Ji Ju, 443300 Hubei-provinco / statistikisto

## Danio DK 2

FROST s-ro Ejler Jermiin ✉ Ved Fortunen 16, 2800 Lyngby
JEPSEN s-ro Norgaard ✉ Ladelundsvej 28, 8600 Silkeborg

## Finnlando SF 3

ANTSKOG s-rino Carola ✉ Källkullen, 25700 Kimito
KAVENIUS s-ro Niilo ✉ Taskulantie 2 D 66, 20300 Turku
PIETILÄINEN s-ro Jukka ✉ Puutarhakatu 12 B 18, 40200 Jyväskylä ☎ 358-41 614299 / redaktoro de *Esperanta Finnlando*

## Francio F 8

COUSSON s-ro Philippe ✉ 26 rue de Pré Ventenet, Nouaille-Maupertius, 86340 La Villedieu du Clain
BOYET s-ro Fernand ✉ Le Parc Jules Verne, 68 Ave. Jean XXIII, 49000 Angers ☎ 41471034 / eksinspektoro pri scienca edukado, kunlaboranto de *Monato*
DALET s-ro Jean ✉ 2 rue Sadi Carnot, 92600 Asnières
DYEL s-rino Claudine ✉ 5 rue Franche, 84000 Avignon
GILOTEAUX s-ro Lucien ✉ 3/6 allèe Bèranger, 59170 Croix
LE PUIL s-ro Ĵak ✉ Lieu-dit „Les Cocherats", 18210 Thaumiers ☎ 48618198 / redaktoro de *La Kancerkliniko*
RIBOT s-ro A. ✉ 11 rue Paul Vergnes, 47200 Marmande
SOLARZ s-ro Alberto ✉ 36 rue de Picpus B-2, 75012 Paris ☎ (1) 43439762 / pensiulo

## Germanio D 9

GÜNKEL s-rino Myriam, s-ro Claus ✉ Im Lichtenfelde 70, W-4790 Paderborn
HEINTZE s-ro Gert ✉ Rheinauer Ring 121/1, W-7550 Rastatt ☎ 07222 28194 (skribotelefono) / librobindisto
MAUL s-ro Stefan ✉ Pferseer Str 15, W-8900 Augsburg ☎ 0821/520385 ☎f 0821/520385 / redaktoro en politika sekcio de ĵurnalo *Augsburger Allgemeine* ☎ 0821/7007272
PACHTER s-ro Johann-Andreas ✉ Postfach 300109, Zum Kräutle 8, W-7480 Sigmaringen-Jungnau
RÖSSLER s-ro Franz-Georg ✉ Kajobsgasse 11, W-6721 Harthausen
SCHULZE s-ro Joachim ✉ Ringstr. 71, O-7060 Leipzig
STEPHAN s-ro Albert F. ✉ Carmen-Str. 5, W-4000 Düsseldorf ☎ 0211/574363 / emerito

WESTERHOFF s-ro Bernhard ✉ Ulrichstr. 20, W-6000 Frankfurt 50 ☎ +49/(0)69 - 519845 / pedagogo kaj flegisto, studento ĉe ELTE-universitato kun speciala fako ĵurnalismo

### Hispanio E 6

ANTEQUEIRA GALINDO s-ro Pedro I. ✉ Veracruz 25 ***, 13610 Campo de Criptana (Cuidad Real)
DE LAS HERAS JIMÉNEZ s-ro Jesús ✉ Avenida Juan Carlos I, 24 2º-G, Edfº Nueva Ronda I, 30008 Murcia ☎ 236473 (968-) / instruisto ☎ 295162 (968-)
GILPEREZ FRAILE s-ro Luiso ✉ Apartado de correos 7131, 41080 Sevilla
HERNANDEZ IZAL s-ro Luis Ma ✉ Apartado de Correos 83, Villafranca del Penedes, Barcelona
NIETO s-ro David Fernandez, Paraguay 34 3A, 01012 Vitoria
PÉREZ OVILO s-ro José Luis ✉ Av. Juan Carlos I, 1 Go B, 30008 Murcia ☎ (968) 230666 / neŭropsikiatro ☎ (968) 291746

### Hungario H 4

DEBRECZENI Katalin ✉ Bartok Bela ut 10-12 III 5, 1111 Budapest
FARKAS-TATÁR s-rino Eva ✉ Dohány u 36, 1077 Budapest ☎ 36/1/1422082 / redaktoro de Radio Budapest, E-sekcio
FENYVESI s-ro Ervin ✉ Ujvidek u. 58, 1145 Budapest ☎ 36/1/1630218 / redaktoro de *Naturista Vivo*
GOLDEN s-ro Bernard ✉ Damjanich u. 1/C I. 8, 8200 Veszprém

### Irano IR 1

KARAMUDINI s-ro Mohammad ✉ P. O. Box 13445-747, Tehran

### Irlando IRL 1

MACKAY s-ro Girvan ✉ The Manse, Clonminch, Tullamore, Co. Offaly ☎ (0506) 41418 / pastoro

### Italio I 6

BORZANI s-ro Francesco ✉ Via P. Palagi 7, 20129 Milano ☎ 02/29409456 / redaktoro de informagentejo Cronache Italiane
BRENNAN s-rino Anna ✉ Colle Rasto, 00039 Zagarolo

FABRIS d-ro Dino ✉ Borgo Bassano 1, Box 49, 35013 Cittadella ☎ 049 / 5970376 aŭ 0423 / 301342
GABRIELLI s-rino Lina ✉ Via Arno 31/3, 63031 Castel di Lama
SIKORSKA FIGHIERA s-rino Ada ✉ Via N. Sandre 15, 10078 Venaria Reale (TO) / redaktoro de *Heroldo de Esperanto* ☎ (0)11 2260288 ☎f (0)11 2263078
VALENTE s-ro Guiseppe ✉ Viale Ledra 4, 33100 Udine / emerito

## Japanio J 2

TAIEI s-ro Nakai ✉ Motosiro-tyo 19-22, 418 Huzinomiya-si
YAMASAKI s-ro Seikô ✉ Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi-si, 185 Tokio ☎ 81(423) 21-1142 / kompani-direktoro ☎ 81(3) 3285-7153 ☎f 81(3) 3285-9969

## Kanado CDN 1

FETTES s-ro Mark ✉ 3-332 Cumberland St. K1N 7J2 Ottawa. Ont. / ĵurnalisto, redaktoro de *Monda Forumo*

## Kroatio HR 5

BALAGOVIĈ s-ro Dragutin ✉ 41211 Zapresic
BELOSEVIĈ s-rino Marija ✉ Svetiduh 130, 4100 Zagreb ☎ (3841) 576092 / redaktoro de *Kroata Esperantisto* ☎f (3841) 428847
GRGAT s-ro Davor ✉ Paiĉeva 21, 5800 Split ☎ (058) 512565 kaj 876069 / ĵurnalisto ☎ (058) 523222 ☎f 523566 kaj 551588 (por Grgat)
JURKOVIĈ s-ro Vlado ✉ A. V. Bubnje 16a, 41000 Zagreb ☎ 677-057 / ĵurnalisto
RADIĈ s-ro Tomislav ✉ Ostrogoviĉeva 3, 41000 Zagreb / radioredaktoro ☎ 417810

## Kubo C 2

GUTIERREZ Gonzalez s-rino Maritza ✉ Avellaneda 212, e/ Gertrudis y Josefina Víbora, C. Habana 10500 / redaktorino ĉe Radio Havano Kubo ☎ (53)07 795007
RAOLA Gonzales s-ro Orlando ✉ Longa 220, Apt. 5, Mantilla, 13800 La Habana / redaktoro-parolisto en E-lingva servo de Radio Havano Kubo, ĉefredaktoro de *Avanco* (organo de Kuba E-Asocio) ☎f 537327272 (eldonejo J. Marti)

## Nederlando NL 1

ERTL s-ro István ✉ Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam / redaktoro de *Esperanto* ☎ +3110 436 10 44 kaj 436 15 39 ☎f +3110 4361751

## Norvegio N 4

MUNTHE-KAAS PAY s-ro Otto ✉ Jacob Aalls gate 10, 0368 Oslo

ØGRIM s-ro Tron ✉ Trassoppun 12 B, 0671 Oslo ☎ (47) (02) 277680 / ĵurnalisto, verkisto

ROUGET s-ro Claude ✉ Radarvn. 5, 9014 Haapet

THORMODSEN s-ro Olav ✉ Boks 59, 5501 Haugesund ☎ (04) 724656 / ĵurnalisto

## Pollando PL 7

BANET-FORNAL s-rino Zofia ✉ Bliska 12, 05-90 Raszyn ☎ 560342 / instruisto de historio, kunlaboranto de E-gazetoj

KOSIENIAK s-ro Lech ✉ ul. Piekna 16b/9, 00-539 Warszawa ☎ (48) 22/29-15-01 / ĵurnalisto ☎ (48) 22/21-64-38

MARSZALKOWSKI s-ro Andrzej F. ✉ ul. Jana Bielinskiego 1 m 3, 83-300 Kartuzy, Kaszuby

MATSUMOTO s-ro Teruo ✉ ul. Raszynska 58M48, 02-033 Warszawa / korespondanto ☎ ☎f (48-22) 222350

PETTYN s-ro Andrzej ✉ ul. Wielki Kat. 9, o5-822 Milanowek ☎ 48-22 583708 / estro de E-Redakcio de Pola Radio ☎ 48-22 459358 ☎f 0048-22 444123

SOCHAKI s-ro Andrzej ✉ Skr. 3, 28-200 Staszów ☎ +48-15-621367 / gazet-fotisto

TOMASZEWSKI s-ro Wieslaw ✉ ul. Jazdow 3-20, 00-467 Warszawa ☎ 29-05-69 / inĝeniero ☎ 21-64-38

## Rumanio RO 4

CRISTINA s-rino Catalina ✉ Balaĵ Cirkunvalat iunii bl 74 ap 54, Timisoara

GHILEA s-ro Marian Constantin ✉ com. Moldova-Sulita 281, Jud. Suceava, 5967 Benia / studento

SZÖKE s-ro László ✉ str. Tihadar nr. 5/13, 4150 Odorheiu-Secuiesc HR ☎ 40(59) 15369 / studento ☎ 40(59) 16483

MACOVEI s-ro Nicolae ✉ Moldova-Sulita, 5967 jud. Suceava / instruisto

## Ruslando RUS 14

BIRJULIN s-ro Aleksej Petroviĉ ✉ Usova 21/4 - 140, 634041 Tomsk-41 / ĉefredaktoro de *Spektro* ☎ (3822) 269145

BISEROV s-ro Vadim Viktoroviĉ ✉ Novaj Ljadi Ostrovskij str. 81-33, 614105 Perm / korespondanto ☎ (3422) 33-85-47 ☎f (3422) 65-06-13

ĈERTILOV s-ro Mikaelo ✉ Pf. 21, 143000 Odincovo 6 ☎ (095) 5934964 / redaktoro ĉe *Moskva Gazeto* kaj *Ruslanda Esperantisto*

FIŜBEJN s-ro Lev Grigorjeviĉ ✉ ul. Gagarina 42-10, Tulskoj obl., 301650 Uzlovaja ☎ 6-28-25 / ĵurnal-korespondanto

GORECKA s-rino Halina Romanovna ✉ pk 67, 620077 Jekaterinburg-77 / ĉefredaktoro de *Ruslanda Esperantisto*

GRIGORJEV s-ro Andrej ✉ st. Kommunalnaja 15-59, 660095 Krasnojarsk / gazet-korespondanto, redaktoro-eldonisto de *Amikaj Adresoj* ☎ +(391-2) 23-52-59 ☎f (391-2) 22-35-13 (por Friends adresses)

ĴOLUDJ s-ro Roman ✉ ul. Kolhoznaja 58 g. Jelec, 399740 Lipeckaja obl. / ĵurnal-korespondanto

KIRINA s-rino Irina Ljvovna ✉ pk 1833, 625048 Tjumenj-48 ☎ 8-345-250759 / ekonomiisto, verkisto

KLOĈKOV s-ro Viktor A. ✉ ul. Streloĉnikov 3-63, 620107 Jekaterinburg ☎ (3432) 470797 / direktoro de eldonejo UralSovety ☎ (3432) 470797

KORĴENKOV s-ro Aleksander ✉ pk 162, 620014 Jekaterinburg / ĉefredaktoro de *La Ondo* ☎f (3432) 222346 (Esperanto)

PEREVALOV s-ro Dimitrij ✉ Krasnobogatizskaja 27-122, 107564 Moskva ☎ 7(095) 9022713 / redaktoro de eldonejoj *Progreso* kaj *Novosti*

SIMONOV s-ro Igorj ✉ Genkinoj 39A-15, 603105 Niĵni Novgorod

STEPANOV d-ro Nikolaj P. ✉ ul. 26 Bakinskiĥ komissarov 7-3-78, 117571 Moskva ☎ (095) 433-06-84 / ĵurnalisto

ŜELUDJKO s-rino Nadeĵda Miĥajlovna ✉ ul. Bardina 5/1-63, 620149 Jekaterinburg / kompostisto-enpaĝigisto ☎ (3432) 561768

## Slovakio 2

BRANKOVIĈ s-rino Viŝnja ✉ Esperanto-Centro, Sobotské námestie 6, 05801 Poprad ☎ 004292/32419 / politologo, kunlaboranto de E-gazetoj

MARĈEK s-ro Stano ✉ Svolenská 15, 036 01 Martin ☎ ☎f 0042 842 37145 / manaĝisto, redaktoro

## Svedio S 6

AABERG s-ro Lennart ✉ Tycho Brahes gata 19, 415 17 Göteborg
ANDERSSON s-ro Börje ✉ Ingegatan 4 A, 541 50 Skövde
FRITZON s-ro Per Aarne ✉ Västerorpsvägen 154 1 tr, 126 59 Hägersten
GÄLLMO s-ro Gunnar ✉ Tensta allé 12, 163 64 Spänga ☎ ☎f +46-8-7605365 / verkisto
LUIN s-ro Franko ✉ Myggdalsvägen 123, 135 42 Tyresö
SVANTESSON s-ro Oskar ✉ Stengetsg 4, 421 71 Västra Frölunda

## Svislando CH 1

KÜNZLI s-ro Andy E. ✉ Zumhofstr. 22, 6010 Kriens

## Ukrainio UKR 1

FJODOROV s-ro Aleksandr ✉ pk 168, 335057 Sebastopol 57

## Usono USA 7

DALE s-ro John T. Jr. ✉ 2251 Pimmit Dr. S. 730, 22043 Falls Church, VA
FRITZ s-rino June Knudsen ✉ R. R. # 1, Box 29, Wilber NE 68465 ☎ 402-821-2027 / instruisto, redaktoro de BELmonda Letero
GROBE s-ro Edwin P. ✉ 1620 N Sunset Dr., 85281 Tempe, AZ ☎ 602-945-7948 / redaktoro de E-bultenoj
ILLES s-ro Wayne ✉ 4411 Bee Ridge Road, Suite 366, 34233 Sarasota, FL
KERR s-ro Leslie R. ✉ 10545 Woodhaven Ln., 98004 Bellevue, WA ☎ +1 (206) 455-3069 / inĝeniero ☎ +1 (206) 865-4886 ☎f +1 (206) 865-6903
LACY s-ro Edward F. ✉ P. O. Box 1446, 77251-1446 Houston, TX
ONET s-ro Ionel ✉ P. O. Box 13492, 94701 Berkeley, CA ☎ 1-510 849-2001 / Esperanto-oficisto ☎ 1-510 653-0998

**Zairo** ZRE 1
ZOLA s-ro Zandandu Ntomono ✉ Av. Munyororo 16 z/Makiso B. P. 409, Kisangani

## Alfabeta membrolisto

**A** AABERG Lennart, Svedio; ANDERSSON Börje, Svedio; ANTEQUEIRA GALINDO Pedro, Hispanio; ANTSKOG Carola, Finnlando

**B** BALAGOVIĈ Dragutin, Kroatio; BANET-FORNAL Zofia, Pollando; BELOSEVIĈ Marija, Kroatio; BIRJULIN Aleksek P., Ruslando; BISEROV Vadim V., Ruslando; BORZANI Francesco, Italio; BOULTON Marjorie, Britio; BOYET Fernand, Francio; BRANKOVIĈ Viŝnja, Slovakio; BRENNAN Anna, Italio

**C** CENSINIO ZENG Qianyi, Ĉinio; CHAVES Sylla, Brazilo; COELHO Luiz A. de O., Brazilo; COUSSON Philippe, Francio; CRISTINA Catalina, Rumanio

**Ĉ** ĈERTILOV Mikaelo, Ruslando

**D** DALE John T., Usono; DALET Jean, Francio; DEBRECZENI Katalin, Hungario; DECEUNINK-BOLLAERT Annie, Belgio; DE LAS HERAS JIMÉNEZ Jesús, Hispanio; DICKINSON Don, Britio; DYEL Claudine, Francio

**E** ENEY Dirceu, Brazilo; ERTL István, Nederlando

**F** FABRIS Dino, Italio; FARKAS-TATÁR Eva, Hungario; FENYVESI Ervin, Hungario; FETTES Mark, Kanado; FIŜBEJN Lev G., Ruslando; FJODOROV Aleksandr, Ukrainio; FRITZ June Knudsen, Usono; FRITZON Per Aarne, Svedio; FROST Ejler J., Danio

**G** GABRIELLI Lina, Italio; GÄLLMO Gunnar, Svedio; GEORGIEV Evgeni, Bulgario; GHILEA Marian C., Rumanio; GILOTE-

AUX Lucien, Francio; GILPEREZ FRAILE Luiso, Hispanio; GOLDEN Bernard, Hungario; GORECKA Halina R., Ruslando; GREEN Will, Britio; GRGAT Davor, Kroatio; GRIGORJEV Andrej, Ruslando; GROBE Edwin P., Usono; GUBBINS Paul, Britio; GÜNKEL Myriam/Claus, Germanio; GUTIERREZ Gonzalez Maritza, Kubo

**H** HAMMERTON Geoffrey D., Britio; HARRISON Harry, Britio; HEINTZE Gert, Germanio; HERNANDEZ IZAL Luis Ma, Hispanio; HUMET Alex, Belgio

**I** ILLES Wayne, Usono; Internacia Esperanto-Muzeo, Aŭstrio

**J** JEPSEN Norgaard, Danio; JURKOVIĈ Vlado, Kroatio

**Ĵ** ĴOLUDJ Roman V., Ruslando

**K** KARAMUDINI Mohammad, Irano; KARUCIN Krestj, Bulgario; KAVENIUS Niilo, Finnlando; KENDAL Bradley, Aŭstralio; KERR Les, Usono; KIRINA Irina Ljvovna, Ruslando; KLAG Walter, Aŭstrio; KLOĈKOV Viktor A., Ruslando; KOPPEL H., Aŭstralio KORĴENKOV Aleksander, Ruslando; KOSIENIAK Lech, Pollando; KÜNZLI Andy, Svislando

**L** LACY Edward F., Usono; LEDON Gilbert R., Brazilo; LEDON Symilde Schenk, Brazilo; LE PUIL Ĵak, Francio; LUIN Franko, Svedio

**M** MACKAY Girvan, Irlando; MACOVEI Nicolae, Rumanio; MARĈEK Stano, Slovakio; MARSZALKOWSKI Andrzej, Pollando; MATSUMOTO Teruo, Pollando; MAUL Stefan, Germanio; MUNTHE-KAAS PAY Otto, Norvegio; MURGIN Canko, Bulgario

**N** NIETO David Fernandez, Hispanio

**O** OCKEY Edward P., Britio; ØGRIM Tron, Norvegio; ONET Ionel, Usono

**P** PABLO León Osvaldo, Argentino; PACHTER Johann, Germanio; PEERAERTS Paul, Belgio; PEREVALOV Dimitrij, Rus-

lando; PÉREZ OVILO José L., Hispanio; PETTYN Andrzej, Pollando; PIETILÄINEN Jukka, Finnlando; PIRLOT Germain, Belgio

**R** RADIĈ Tomislav, Kroatio; RAOLA Gonzalez Orlando, Kubo; RIBOT A., Francio; RÖSSLER Franz-Georg, Germanio; ROTSAERT Roland, Belgio; ROUGET Claude, Norvegio

**S** SCHULZE Joahim, Germanio; SIKORSKA FIGHIERA Ada, Italio; SIMONOV Igorj, Ruslando; SOCHACKI Andrzej, Pollando; SOLARZ Alberto, Francio; STEPANOV Nikolaj P., Ruslando; STEPHAN Albert F., Germanio; SUN Ming Xiao, Ĉinio; SVANTESSON Oskar, Svedio; SZÖKE László, Rumanio

**Ŝ** ŜELUDJKO Nadeĵda M., Ruslando

**T** TACHAUER SEBÖK Jorge, Ĉilio; TAIEI Nakai, Japanio; THORMODSEN Olav, Norvegio

**V** VALENTE Guiseppe, Italio; TOMASZEWSKI Wieslaw, Pollando

**W** WESTERHOFF Bernhard, Germanio

**Y** YAMASAKI Seikô, Japanio

**Z** ZENG Qianyi → CENSINIO, Ĉinio; ZHANG Shize, Ĉinio; ZOLA Zandandu Ntomono, Zairo

*Rimarkoj pri ĉi tiu membrolisto - suplemento de Internacia Ĵurnalisto 1/1993*

## Kion ĉiu faru

Tiu ĉi unua membrolisto de TEĴA estas provizora pro pluraj kialoj kaj tial aperas „nur" kiel suplemento de nia revuo, kio havas malavantaĝojn, sed ankaŭ avantaĝojn. Spite al ĉi tiu nuna formo ĝi, kompreneble, jam utilas al vi.

Ni aranĝis la aferon teknike tiel, ke vi povas **elpreni** ĉi tiujn foliojn el la revuo, tranĉi kaj faldi ilin konvene, tiel ke post tio vi havas kajereton en formato DIN A5 por konservi kaj uzi aparte de la revuo.

**Plej grave: kontrolu kaj kompletigu!**

Kvankam plejparte la indikoj sendube estas ĝustaj, tamen povas esti, ke ne nur enŝteliĝis kompost-eraroj aŭ ke ion ni ne povis bone legi (ekzemple se iu plenigis aliĝilon per manskribo), sed ankaŭ ke intertempe jam okazis iuj ŝanĝoj. Povas ankaŭ esti, ke ni eraris pri la ĉefa nomo aŭ pri la sekso (ekzemple ĉar mankas indiko sur aliĝilo).

Krome, ĉe iuj membroj, pro diversaj kialoj, mankas indikoj pri profesio, telefon- kaj telefaks-numeroj. (Pri teleksonumeroj, cetere, ni rezignis en la listo, ĉar ties signifo praktike jam estas nula.)

**Do ĉiu nepre tre zorgeme kontrolu la indikojn pri la propra persono**, ne nur en la laŭlanda sed ankaŭ en la alfabeta listo! Kaj nepre informu la redaktoron pri eventualaj eraroj, mankoj, misoj ktp. Precipe ni petas tiujn membrojn, kies profesio kaj telefon-numero ne estas registritaj, ke ili komuniku ilin al ni.

**Kritikoj kaj proponoj estas bonvenaj!**

Krome vi havas eble aliajn ideojn pri tia membrolisto, aŭ kritikojn pri la nuna formo. Ĉu ekzemple la aranĝo de la diversaj indikoj estas konvena por praktika uzado, ĉu oni facile trovas nomojn, ĉu ĉio estas klara kaj komprenebla, ĉu io erarigas aŭ miskondukos? Ne hezitu fari proponojn por plibonigo!

Se la membrolisto vere estu utila, ĝi ja enhavu ĝustajn kaj kompletajn indikojn pri ĉiu el ni. Tial ni petas, ke vi ne atendu, sed **tuj** skribu, se vi malkovras erarojn kaj mankojn. Ni ja volas baldaŭ eldoni la membroliston en formo de jarlibreto, kun aliaj simile utilaj informoj por ĵurnalistoj.

Eble por tio vi ankaŭ havas proponojn kaj sugestojn: kiujn kromajn informojn vi ŝatus trovi en la jarlibreto?

*Pri ĉio, kio koncernas la membroliston, skribu al la redaktoro*

Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

# Kio estas, kion celas TEĴA?

TEĴA estas fakasocio de ĵurnalistoj uzantaj la lingvon internacian Esperanto, profesiaj kaj amatoraj; ĝi estas fakasocio kunlaboranta kun Universala Esperanto-Asocio (UEA). TEĴA volas servi kaj al siaj membroj kaj al la Esperanto-movado, kiu sendube sen la helpo de ĵurnalistoj ne povus ekzisti, ĉar ili grandparte certigas la interkomunikadon interne de l' E-movado.

**Por realigi tion, TEĴA**

- Eldonas sian fakorganon INTERNACIA ĴURNALISTO, kiu aperas kvar foje en jaro. En ĝi oni traktas ĉiuspecajn temojn de ĵurnalisma laboro kaj donas praktikajn konsilojn.

- Eldonas alian materialon, kiu utilas al la membroj, ekz. librojn kaj broŝurojn, adresaron por kontaktoj inter TEĴA-anoj. Ekzistas ankaŭ MANLIBRO PRI ĴURNALISMO verkita de l' prezidanto de TEĴA.

- Okazigas ĉiujare membrokunvenon pri specifaj temoj, kutime dum la Universalaj Kongresoj de UEA, kun kies Informa Fako ĝi kunlaboras ankaŭ por organizi gazetaran servon de UK kaj aperigi kongresan kurieron. Tiucele ĝi kompilis konsilaron.

- Okazigas - kunlaborante kun UEA kaj aliaj E-organizaĵoj - seminariojn kaj kursojn por trejnadi ĵurnalistojn, precipe amatorajn.

- Tenas kontaktojn al neesperantistaj ĵurnalistaj asocioj cele al kunlaboro kaj disvastigo de Esperanto en la ĵurnalisma medio.

# VARBU MEMBROJN POR TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO!

**PETU PLIAJN ALIĜILOJN ĈE LA ADMINISTRACIO DE TEĴA**

**FLANDRA ESPERANTO-LIGO**
**FRANKRIJKLEI 140**
**B-2000 ANTWERPEN**
**BELGIO**